Mutig vorwärts!' 

# Aŭstria Esperantisto

'Kuraĝe antaŭen'

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

8a jaro. N-o 10 Monata Oktobro 1931

Redaktejo: Wien, I., Neue Burg (Tel. R 27-803).

Administrejo: Bisamberg, Bundesstraße 154.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ Ŝ 4.88, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.

### Aus aller Welt.

**Ehrung des Erdenkers des Esperanto.**

In Bialystok fand die Grundsteinlegung eines 12 m hohen Denkmales für Dr. Zamenhof statt,

in Bad Reinerz auf dem neu benannten Zamenhof-Platz die Enthüllung eines Zamenhof-Gedenksteines.

Neue Zamenhofstraßen in: Amiens (Frankreich), Boulogne sur Mer (Frankreich) ein Zamenhofplatz und in Krakow.

**Radio - Wien:** Die Werbevorträge für Oesterreich vermittels Esperanto (Walter Smital) finden nun allwöchentlich Donnerstag 16 h 45 statt.

**Die Radiostation Charkow,** Ukraine, begann einen Zyklus von Sendungen in Esperanto, die die aktuellsten Berichte über Politik, wirtschaftliches und kulturelles Leben der Sowjetunion, über den sozialistischen Aufbau, ferner Skizzen und Bruchstücke aus der ukrainischen proletarischen Literatur bringen sollen. Jeden Samstag 21 Uhr 45 mitteleur. Zeit, Welle 908 m.

Die **Niederländischen Eisenbahnen** haben das Tragen des Esperantoabzeichens im Dienste gestattet. Die österreichischen Bundesbahnen waren die ersten, die diese Einführung machten. Ebenso tonangebend auf diesem Gebiete war die Wiener Polizei.

**Köln.** Die Direktion der Ausstellung „Das Kind" in Köln veranstaltete am 18. VIII. einen Esperanto-Tag. Vormittags fand eine Zusammenkunft von Esperantofreunden in der Ausstellung statt; nachm. führte nach einem Vortrage „Esperanto als Welthilfssprache" Herr Simons seine Esperanto-Klasse von Volksschülern vor. Anwesend waren hierbei der Schulinspektor, viele Lehrpersonen und mehrere Hundert Gäste. Abends Begrüßungsabend in der Gruppe.

Die **französische Liga für Menschenrechte** hat beschlossen, ihren Sektionen eine Enquete über Esperanto zu veranstalten. In ihrer Zeitschrift „Cahiers des droits de l'homme" erschien schon eine Reihe Artikel für und auch gegen Esperanto.

Die **Handelskammer in Paris** hat dem Vereine „Esperanto und Handel" in Paris eine Subvention zukommen lassen. — In dem Stand der Pariser Handelskammer auf der Kölner Ausstellung künden Anschläge den Bestand von „Esperanto kaj Komerco" an und werden Druckschriften in E. verteilt.

**Oocu, Japan:** Unter Förderung durch den Polizeibezirkschef Sumikura Ŝiroo unterrichtete Tacuŝi Uemura 35 Polizeibeamte, darunter den Polizeibezirkschef und andere höhere Beamte und Chargen in Esperanto. Ein Klub „Marda Grupo" wurde gegründet.

**ESPERANTO IST**

der Fortschritt
der Schlüssel des Weltverkehrs
der Schlüssel zur Weltliteratur
die Losung der Zukunft
das Verständigungsmittel aller Klassen
ein Förderer des Friedens
von Klugen anerkannt
von Kurzsichtigen angezweifelt
von Selbstsüchtigen bekämpft

**die WELTHILFSSPRACHE**

Lernt Esperanto in Schulen — Ortsgruppen — in Privatkursen — durch Selbstunterricht — durch Rundfunk!

**!! In den Ĉe-Kursen !!**

Auskunft gegen Rückkarte das Int. Esp.-Museum, Tel. R 27-803

## II. Intern. Postkongreso Esp. en Bialystok.

Post Postkongreso en Warszawa la 12. aŭg. alvenis en Bialystok 70 partoprenintoj de XXIII-a. En la stacidomo je ilia alveno ekludis milita orkestro de 42. regimento Esperanto-marŝon, prez. J. Ŝapiro de Organiza Komitato, reprezentantoj de la urbo kun vicprez. de la urba konsilantaro d-ro Rajgordski, delegitoj de milita, fervoja k. a. estraroj akceptis ilin.

Tagmeze oni kolektiĝis ĉe la loko de l' estonta monumento. La lokon, bonege situata sur ronda placo ĉe interkruciĝo de ses stratoj, elektis la vojevodo (provincestro) Marjan Zyndram-Koscialkowski, honora protektanto de la konstruo de Zamenhof-monumento, mem. La ordon reguligis taĉmento de loka fajrobrigado. La loko estis bele ornamata.

Meze de la placo estis elfosita kavo, kien estas enmetota la fundamentoŝtono. Apud tribuno por la parolontoj staris sur videbla loko modelo de la estonta monumento. Ĝia aŭtoro estas fama Varsovia artskulptisto A. Ostrzega. La monumento prezentos 12 metrojn altan Babelan Turon, kronata ĉe la supro per simbolo de Esp., la lingvo de paco kaj unueco. Sur la fronta parto en niĉo estos reliefo de la majstro kun surskribo.

Vicvojevodo s-ro Czeslaw Zawistowski faris jenan paroladon en pola lingvo, kiun prez. Ŝapiro tradukis E.-lingven: „Mi metas hodiaŭ la fundamentan ŝtonon de monumento por la kreinto de la lingvo Esperanto D-ro Ludoviko Zamenhof, kies tre konscia laboro por la bono de la homaro, komencita antaŭ kelkdek jaroj sur restanta tiutempe en mallibera pola tero, mirinde kunplektiĝas kun la penoj, farataj de ni, depost la reakiro de sendependeco de Polujo por afero, vive interesanta multajn popolojn. D-ro Zamenhof, filo de nia tero kaj Bialystok-ano, gvidata de altaj ideoj pri konstruo de konkorda kunvivado de popoloj, donis al ili, kion tiuj popoloj deziris kaj serĉis: la eblon interŝanĝi pensojn kaj ties riĉaĵojn helpe de unu lingvo, servonta al la paco.

Eble nenie en la mondo vi trovas en tia grado, kiel en la hodiaŭa Polujo, tiom grandan adoron de la ideo pri paco kaj deziron de ideinterŝanĝo kun aliaj popoloj, kiel ankaŭ bonan volon bazi la internaciajn rilatojn sur la fundamento de respektado de la juro. Tiel ankaŭ ne malpli ol aliaj popoloj ni komprenas la signifon de Esperanto, kaj ĝia kreinto vivis kaj laboris inter ni. Kaj ĝuste pro tio, inaŭgurante la hodiaŭan solenon de meto de fundamentŝtono por monumento al D-ro Zamenhof, mi permesas al mi mencii, ke tiu monumento, kiu baldaŭ ekstaros sur tiu ĉi loko, estos nur simbolo de alia monumento, de monumento kreata de vi, ges-roj, kiuj disvastigas la ideon de D-ro Zamenhof inter la popoloj, kiujn vi reprezentas.

Mi deziras al vi, ke tiu alia monumento estu de vi firmigita kiel eble plej baldaŭ sur la senlimaj terspacoj de la mondo por realigo de plej altaj idealoj de l' homaro."

Belegan paroladon faris poste vicurbestro d-ro Ziemilski nome de la naskiĝurbo de Zamenhof kaj direkt. Kreuz por ICK-Genève.

Sekvis laŭtlegado de la akto pri fundamentmetado skribata de grafikisto Tynowicki, membro de Org. Kom. sur pergameno en pola kaj E.-lingvoj, kaj subskribitaj de la reprezentantoj kaj enmurigo de la fundamentoŝtono kun la akto flanke de vicvojevodo s-ro Zawistowski.

La sekvantajn brikojn enmurigis urbaj kaj ŝtataj reprezentantoj, familio Zamenhof, dir. Kreuz kaj la naciaj delegitoj.

Kunhelpu per donacoj al la Organiza Komitato, por ke la monumento baldaŭ estu finkonstruota!

Donacojn akceptas kaj kvitancas Int. Esperanto-Muzeo, Wien, I. Neue Burg.

## Inaŭguro de Zamenhof-memorŝtono en Bad Reinerz.

En Bad Reinerz, kie nia majstro en 1906 kaj 1909 restadis kiel bangasto, okazis la 16. aŭg. la inaŭguro de memorŝtono. La placo, sur kiu ĝi estas, ricevis la nomon „Esperanto-placo".

La solenon inaŭguris ĥoro de vira kantunuiĝo; f-ino Boettcher deklamis prologon, verkitan de Julie Wolfson. Post salutvortoj de prez. Kliem de Silezia E.-Asocio sekvis festparolado de prez. de Germana E.-Asocio poŝtkonsilisto Behrendt kaj poste transprenis urbestro d-ro Goebel la memorŝtonon en la zorgadon de la urbo.

La soleno finiĝis per malkovro de memortabulo ĉe la domo „Metropole", en kiu Zamenhof loĝis dum sia restado. 300 personoj partoprenis.

## Nova Zamenhof-strato.

F-ino Desmarest, prez. de Grupo Esperantista en Amiens, Francujo, sukcesis, ke la urba konsilantaro donis al nova strato la nomon „Zamenhof-strato".

---

**Studenta fakkunveno dum XXIII-a.**

Sub prez. de Ivo Lapenna, kand. de juro, Zagreb, okazis studenta fakkunveno, kiu decidis ĉiujare dum la univ. E.-kongresoj elekti unu el la studentaj E.-kluboj kiel „internacian studentan esp. ekzekutivon"

kun la tasko: kunligi la studentojn-esp.-istojn por pli efika propagando de E. inter la studentaro, helpi al ili per eventualaj informoj, reprezenti ilin en ĉiuj internaciaj rilatoj. Tiucele la ekzekutivo eldonos almenaŭ ĉiusemestre presitan oficialan bultenon je elspezoj de la koncerna klubo.

Por 1931/32 estis ĉiuvoĉe elektita „Studenta Esperantista Klubo“ en Zagreb.

**Universala Pacifista Ligo.**

Dum XXIII-a okazis sub prezido de Einar Dahl la jarkunveno, kiun partoprenis pli ol 150 personoj. Por la venonta jaro oni elektis Einar Dahl-prez., E. G. Torgny (Skara)-kasisto Karl Söderberg (Upsala)-vicsekr. (ĉiuj en Svedujo), Elise Jakobs (Flensburg, Germanujo)-sekr. kaj Petr. Pamporov (Sofia)-estrarano. Ĉiujn informojn donas prez. Einar Dahl, Uddevala, Svedujo.

**Kunveno de blindujoj dum XXIII-a.**

Blindaj kongresanoj el 5 landoj kunvenis en sia Deka. Prez. Merchant kaj d-ro Felix Zamenhof ilin salutis. Oni honoris la memoron de paĉjo Cart, kiu en 1904 fondis la braile presitan revuon Esperanta Ligilo“, kiu nun havas 1300 blindajn legantojn en 30 landoj.

Estis elektitaj „Honoraj prezidantoj“ d-roj Felix Zamenhof kaj Odo Bujwid kaj f-ino Weinsberg; aktiva estraro prez. J. Hasselbach, 2. prez. Kichel, sekr. f-ino G. Masarova.

**Kunsido de Heroldo.**

Abonantoj kaj amikoj de nia „Heroldo“ kunvenis (ne estis en la salonego sufiĉa loko!) por aŭdi la raporton de Theo Jung pri Heroldoentrepreno kaj pri projektoj por la estonto.

Sub la prezido de s-ro Krysta okazis vigla diskutado pri organizo de informservo kaj la enhavo de Heroldo. Baghy varme rekomendis subteni Heroldo-n kaj tion ankaŭ ni faras!

## Wilhelm Exner und Esperanto.

Es dürfte die Leser sicher interessieren, daß der verblichene Wilhelm Exner Zeit und warmes Interesse für Esperanto hatte.

Am 17. Juni 1930 machte ich dem liebenswürdigen und freundlichen Geheimrat in einer Fremdenverkehrssache meine Aufwartung, berichtete auch über meine 40-tägige Lichtbilder-Propagandareise (Feber-März 1930) durch Schweden, Norwegen und Dänemark und hob hervor, daß es mir nur durch Esperanto möglich war, die Reise in solchem Umfange (23 Vorträge) zu machen und in Oslo per Radio in deutscher Sprache und Esperanto (übersetzt ins Norwegische) über „Oesterreich als Touristenland“ erfolgreich zu sprechen. Nach einer Viertelstunde wollte ich den Besuch beenden, um den alten Herrn — er war im April 90 Jahre alt geworden — nicht zu ermüden. „Nein, nein, bleiben Sie nur! Ich habe Sie ja um nähere Auskunft über Esperanto gefragt. Durch meinen lieben Freund Ostwald wurde ich seinerzeit mit Ido bekannt; er wollte unbedingt, ich solle Ido lernen. Sagen Sie mir bezüglich Esperanto und Ido noch einiges über die Grammatik und die Verbreitung der beiden Sprachen!“ Und dann stellte der für alles Edle so Begeisterte eine Frage nach der andern und im Nu war aus der Viertelstunde eine ganze geworden. Und was mich wie alle stets in Erstaunen versetzte, war die unfaßbar große geistige Frische. Einer seiner Beamten sagte mir damals auch: „Es kommt vor, daß wir etwas vergessen. Exzellenz erinnert sich aber immer!“ Unvergeßlich bleibt mir, wie der Gelehrte von seinen künftigen Arbeiten sprach. Ich hatte das Empfinden, daß der 90-jährige sicher noch den Hunderter erreichen werde.

Exner konnte — ich wurde inzwischen schwer krank — sein mir gegebenes Versprechen nicht mehr erfüllen. Sein gewaltiger Einfluß hätte dem Esperanto in Oesterreich und weit darüber hinaus viel geholfen.

Nun ist der große Exner nicht mehr — wir Esperantisten sind einer mächtigen Stütze beraubt. Wir wollen uns aber an dem großen Toten Begeisterung holen für unsere Arbeit, an seiner Ausdauer wollen wir lernen! Sein Wort bleibe uns allen ein Mahnruf: „Esperanto hat eine große Zukunft“ und besonders Osterreich soll dem Esperanto ein Hort sein! R. M. Frey.

---

**Majstro O. Deguĉi 60-jara.**

Tiun ĉi someron okazis en Ajabe kaj Kameoka, la Oomoto-centroj en Japanujo, brila festo okaze de la 60-jara datreveno de Majstro Deguĉi. Pli ol 5000 adeptoj ĉeestis la feston.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**
**Telefono n-ro R 27-803**

**Malfermata** labortage 9—12, 15—18 h; sabate 9—12 h kaj **8. novembro** 9—½ 12 h.

De nia ĉeĥa pioniro Eduard Kühnl ni ricevis jenan leteron:

Praha, 11. IX. 1931.

Tre estimataj sinjoroj,

profitante la lastan momenton antaŭ mia forveturo Amerikon, mi havas la honoron danki al vi por via afabla letero. Kio koncernas mian bibliotekon, mi devas klarigi, ke ĝi enhavis certe sole verkojn, kiuj estas jam envicigitaj en IEMW; laŭ informoj, kiujn mi ricevis de s-ano vizitinta la IEMW, estus mia kolekto sole sablero en maro!

Ĉar mi ricevis de la Muzeo en Praha — kiu ĝis tiu tempo posedis eĉ ne unu paĝon esperantan — inviton sendi al ĝi la bibliotekon, mi plenumis ĝian peton kaj decidis la verkaron al ĝi. . . . Samtempe mi sendas al Vi tion, kion mi povis ankoraŭ trovi, precipe „Časopis Českych Esperantistů" . . Speciale mi atentigas pri „Uplná učebnice" de Lorenz el 1890! ! Ĝi estas la unua verko por Bohemoj. Hodiaŭ nur tre malmultaj posedas ĝin kaj mi dubas, ke ekzistas 10 feliĉuloj! . . .

Mi deziras al via laboro plenan sukceson kaj malgraŭ tio, ke mia agadejo estos nun je distanco de kelke da miloj da kilometroj, mi ĉiam admiros Vian iniciativon kaj meriton, kiun Vi gajnis per Via laboro. Jam antaŭ la milito mi mem faris projektojn por starigi similan centron por konservado de dokumentoj pri la movado esperantista, sed la de efektivigon de tiu ĉi ideo Vi sukcesis realigi je mia vere sincera ĝojo. La materialo kaj la kvanto de dokumentoj tiom kreskas, ke estis jam vere urĝa bezono solvi tiun ĉi demandon, ĉar ju pli malfrue oni starigus tian Muzeon, despli malfacile estus kolektadi la malnovan materialon! Kaj Via grandskala laboro meritas vere admiron!

Ĉiu amiko de Esperanto kaj ĉiu admiranto de la laboro de la unuaj pioniroj certe esprimis en similaj vortoj sian aprobon, kiam ili aŭdis pri Via kuraĝa sed meritplena entrepreno.

Mi deziras al Vi tre, tre multe da sukceso!

Sincere Via Eduard Kühnl.

**Novaj membroj:**

**Int. Honora Komitato:**
D-ino Zofja Zamenhof, Warszawa

**Int. Kuratora Komitato:**
**Ĉeĥoslovakujo:**
Eduard Kühnl, Praha

**Dumvivaj membroj de IEMW** (S 15.— en 3 partpagoj, postulu ĉekojn!: **Por alilandanoj sv. fr. 12·—**)

305. Prof. P. Christaller, Stuttgart; 306. Fr. Vasta; 307. Klara Ernest, Wien; 308. André Boyer, Cannes, Francujo.

**Membroj por dekjara membreco:**

14. Pola Klubo de Esperantistoj, Krakow; 15. E.-grupo „Verda Stelo", Stuttgart; 16. Sveda Esperanto-Federacio, Stockholm.

**Materialo ricevita:**

514. L. Krysta, Ciescyn, ČSR; 515. k. 561. Heroldo de Esp., Köln; 516. P. Joh. Ricci, Shansi, Ĥinujo; 517. Fred. Rappe, Bogota, Kolumbio, Ameriko; 518. Oomoto Intern., Paris; 519. Instituto de Meteorologio, Ljubljana, Jugosl.; 520. Jan Zawada, Warszawa; 521. F-ino Royer, Paris; 522. Miß O'Brien, London; 523 Talivado Indra, Riga, Latvio; 524. k. 568. Leon Agourtine, Paris; 525., 563. k. 572. LKK de XXIII., Krakow; 526. E.-grupo en Takakura - Kaikan, Tokio; V. Sub, Holyŝow p. Plzen; 528. Chambre de Commerce Française, London; 529. Sudokcidentgermana E.-Ligo, Wiesbaden; 530. „La Vojo de Klerigo", Ĥarkow, Ukrainio; 531. Mustapha Raden el Java, Stambul, Turkujo; 532. P. Flageul Issy, Franc.; 533. BES-Adresaro, Potstejn, CSR; 534. N. A. Insarsky, Saratov; USSR; 535. Hugo Salokannel, Salminen, Finnl.; 536. Prof. F. S. G. Schaden, S. Bonifacio, Brazilio; 537. J. Ŝapiro, Bialystok; 538. LKK de 11. SAT-Kongreso, Amsterdam; 539. R. Ryba, Tarn. Gory, Pol.; 540. Inĝ. W. Heinze, Oberlößnitz; 541. Kristana E.-Ligo, Quedlinburg; 542. d-ro W. Biehler, Graz; 543. Azra v. Laban; Hamburg; 544. E.-grupo Ljubljana; 545. X. Int. Tendaro de Skolta E.-Ligo, Budapest; 546. Ĉefurba Fremduloficejo, Budapest; 547. G. Saget, Elbeuf, Franc.; 548. „Literatura Mondo", Budapest; 549. Leon Zimmels, Danzig; 550. S-ino Cath. Roskes-Dirksen, Haag; 551. F-ino B. Bresler, Werkendam, Nederl.; 552. D-ro inĝ. Eugen Wüster, Wieselburg; 553. J. Lejserowicz, Lodz; 554. Deutscher E.-Bund, Berlin; 555. k. 571. ICK. Genève; 556. Ed. Kühnl, Praha; 557. „Balkana Konkordo", Sofia; 558. Arbeiter E.-Bund f. d. deutsche Sprachgebiet, Berlin; 559. Bahaa E.-eldonejo, Weinheim; 560. D-ro Leop. Dreher, Krakow; 562. S-ino Cart, Paris; 564. Eksĉefministro Huszár Károly, Budapest; 565. Vilna E.-Soc. „Universo", Wilno, Pol.; 566. Informoj de E.-Asocio de Estonio, Tallinn; 567. Oomoto Propaganda Oficejo, Kameoka, Jap.; 568. Argentina E.-Asocio, Buenos Aires; 569. J. Van Deun-Jespers, Borgerhout, Belg.; 570. Hungara Heroldo, Budapest.

## „100.000 S Garantia Kapitalo"

| | |
|---|---|
| Jam publikigitaj . . . . . . . . | S 948.50 |
| Bloch, Praha . . . . . . . . . . | „ 1.65 |
| D-ro Döhler, Riesa . . . . . . . | „ 3.— |
| kotizoj . . . . . . . . . . . . | „ 65.— |
| entute | S 1018.15 |

Por IEMW: Steiner, Smital.

# La ludlaboriga kurso por infanoj ĉe Radio-Wien.

De Walter Smital, Radio Wien



Kesteto por kaktoj.

La trian fojon Radio-Wien komencigas tiun sian kurson por infanoj, kiun la „ludlaboriga onklo“ Inĝ. Oskar Grissemann enkondukis kaj gvidas kun ega sukceso. Uzante plej simplajn laborilojn kaj malmultekostan, ĉie haveblan materialaron, infanaj manoj produktas la plej diversajn objektojn malgrandajn kaj ludaĵojn. Ja oni povas diri, ke la junaj artuloj estas — nerimarkeble por ili mem — edukataj al laboremaj homoj, kapablaj ĉie ekagi kun praktika juĝo kaj lertigita mano. Kompreneble oni ne celas anstataŭigi metiistojn; sed konstante renkontiĝas ja en la hejmo objektoj difektaj, kiujn oni kun iom da lerteco kaj kompreno povas ripari respektive refari mem, ne bezonate venigi lignaĵiston aŭ forĝiston por helpi. Multaj miloj da infanoj aŭskultante partoprenas tiun kurson kaj klopodas, laŭ la instrukcioj fari la multspecajn objektojn priparolatajn.

Ne seka estas la instruado en tiu kurso; tiuokaze la nombro de l' aŭskultantetoj neniam estus iĝanta tiom granda. La ludlaboriga onklo inĝ. Grissemann kapablas, instrukcii en la kadro de serenigaj rakontetoj. Por ĝojigi la infanojn lia fantazio kreis tri figurojn, ne el karno kaj sango, sed el korko kaj plastilino. Ili famiĝis malproksimen trans la limoj de Aŭstrio. Ekzistas certe nur malmultaj infanoj, kiuj ne scias tuj, kiu estas la impertinenta enmiksiĝema kaj tamen bonkora globvireto „Wruki“, lia frateto „Bumpfi“ kaj ilia konstanta akompananto la korkhundeto „Putzi“.

De horo al horo la multnombraj geknaboj atendas ĉe siaj Radio-riceviloj, por aŭskulti la plej novajn faraĉojn de tiu triopo. Dume ili konstruas tutan ludlaboritan mondon kun ŝipetoj, urboj, montaro, herbejoj aŭ ili spirite vizitas la eskimojn, kie ekzistas glacimontoj el sodopecoj kaj kie plastilinboatoj elveturas al ĉasado de fokoj. Ankaŭ „ludlaborita kulturhistorio“ estos aranĝata nunjare per la pli maturaj el la junaj auskultantoj. Tiam ili lernos, kiel antaŭ miloj da jaroj aspektis la domkonstruado kaj multon, multon krome. Ke ankaŭ ludiloj kaj praktikaj objektoj por la hejmo ne estos forgesataj, estas ja memkompreneble.

Ĉiujare tiu kurso finiĝas per premia laborado, kiu instigu la malgrandajn aŭskultantojn montri siajn kapablojn: Laŭ libera fantazio ili kreu objektojn aplikante la lernitajn metodojn. Multaj centoj da sendaĵoj alvenadas el Aŭstrio kaj la najbaraj ŝtatoj. Ili estas kunigataj al ekspozicio migranta de unu granda urbo al alia. 40.000 homoj nur en Wien vizitis la lastan ekspozicion en la daŭro de du semajnoj kaj kelka patro, kelka patrino tie estis tirataj de siaj idoj



S-ino Sopherl, la legomvendistino

de unu vitra ŝranko al alia kaj dum ili la milojn da objektetoj vidis, kiujn infanaj fantazio kaj zorgemo estis kunmetintaj, ili forgesante siajn zorgojn ĉiutagajn retrovis la vojon en la oran landon de la propra junaĝo.




S-ro Wruki


Wruki aĉetas ilojn


Wruki komencas ludlabori


Wruki havigas al si materialojn por sia ludlaboro

Das **Wruki-Bastelbuch**, eine lustige Bastelschule für Groß und Klein, von Ing. Oskar Grissemann, 1. Folge, Wien, Deutscher Verlag für Jugend und Volk, 1930, S 6.40, 93 Seiten mit 34 Seiten Vorlageheft, dem unsere Abbildungen entnommen sind.

Das Büchlein bringt in klar und humorvoll geschriebenem Text eine wertvolle Einleitung in die Bastelkleinkunst; von der Werkzeugbeschreibung bis zum Photobild der fertigen Arbeit, gut gegliedert, kindlich und dabei doch gründlich. Seinen Hauptwert erhält das Büchlein durch die offenkundige Tatsache, daß hinter dem Worte ein reifer Mensch mit klarem Plane, reifer Erfahrung und ethischem Niveau steht. Grissemann wird zu seiner im besten Sinne erzieherischen Mission vor allem durch zwei nicht alltägliche Eigenschaften befähigt. Er verbindet mit Liebe zum Kinde großes Einfühlungsvermögen und weiß die jugendliche Schaffensfreude in die Bahnen ernster, zäher Arbeit zu lenken.

---

## Heroldo de Esperanto, Köln.

**Jarmiloj pasas** de Hermann Haefker. Universala Historio. II. Volumo. — 1931.

(Siehe Aŭstria Esperantisto 4. Heft 1931, Besprechung des 1. Bandes.)

In zweiten Bande von „Jarmiloj pasas" führt der Verfasser in fast vollständig selbständigen 41 Kapiteln, die wieder in 7 Abschnitten zusammengefaßt sind, seine „Kritik des weltgeschichtlichen Geschehens" — wie wir den Untertitel lieber benennen möchten — von der Zeit der Kreuzzüge bis nach dem Weltkriege zu Ende.

Die Behandlung des Gegenstandes wird im allgemeinen, je mehr wir uns der Gegenwart nähern, umso pragmatischer, die Tatsachen im Verlaufe ihres ursächlichen Zusammenhanges darstellend, und in diesem Belange auch genießbarer. So sind die Kapitel über den 30-jährigen Krieg und seine Folgen, über die französische Revolution und die napoleonische Zeit, über den Weltkrieg 1914/18 und die Friedensverhandlungen von Versailles in anregender Weise geschrieben, lesenswerte Essais, jedes für sich abgeschlossen. Auch der letzte Abschnitt, „Estanteco kaj Estonteco", der in großen Zügen den Gang der „weltgeschichtlichen Front" um den Erdkreis herum, bis zum russischen Bolschewismus schildert und Kapitalismus, Sozialismus und Klassenkampf einer letzten Betrachtung unterzieht — dieser Abschnitt enthält auch in nuce die ganze Geschichte Rußlands — fesselt den Leser.

Der Verfasser verfolgt die an der Oberfläche des Tages in Erscheinung tretenden Ereignisse absolut nur in ihrer verstandesmäßig erfaßlichen Verursachung. Der Versuch einer Darstellung der Entfaltung des Weltgeistes an der Hand der Entwicklung der Kulturen mißlingt seinem absoluten Rationalismus, weil er eben eine metaphysische Tiefe des Weltgeschehens nicht gelten lassen will und kann. Daher sind gerade diejenigen Kapitel, bei denen der V. einen besonderen Höhenflug nimmt, trotz geistreichsten Räsonierens nicht recht genießbar. Natürlich ist oft auch sein zu einseitiger Standpunkt, der die Tatsachen förmlich in ihre Stellung zwingt, an einem beengenden Gefühle bei der Lektüre schuld.

Ganz und gar aber können von einem katholischen Historiker einzelne Kapitel und viele, viele Stellen des Buches wegen der tendenziösen Gehässigkeit gegen den katholischen Geist und alles, was von ihm oder für ihn in der Geschichte in Szene gesetzt worden ist, nur mehr als der Ausdruck einer infernalischen Wut, nicht aber der eines wenn auch einseitigen Forschergeistes hingenommen werden.

Man fühlt z. B. heraus: weil es sich bei den Kreuzzügeu um die Eroberung des „heiligeu Landes" handelte, ist diese ganze Bewegung dem V. ein Dorn im Auge. Ursache der Kreuzzüge ist ihm die Herrschaft der Päpste, die Raubsucht der Herrscher und die Abenteurersucht der Fürsten und Massen des Volkes. — Der einzige Erfolg sei das Reichwerden vieler Kaufleute gewesen.

Man beachte dabei die grelle Beleuchtung von Nebenerscheinungen gegenüber wesentlichen Merkmalen: Die hl. Begeisterung, die tausende und tausende zu dem Rufe veranlaßte: „Gott will es", gilt dem V. nichts;

einzelne Abenteurer, die sich den Zügen anschlossen, sind ihm alles. — Die Erweiterung des geistigen Horizontes der Abendländer, die Umgestaltung der gesellschaftlichen Lebensformen, Entwicklung und Aufblühen der Städte, größere Befreiung des Bauernstandes. reiche Kenntnis orientalischer Kunst- und Naturprodukte gilt ihm nichts — weil er im damaligen Aufblühen des Mittelstandes den Ursprung der kapitalistischen Wirtschaftsordnung erblickt.

Daß die Kreuzfahrer bei ihren Kämpfen öfters viele Tote gemacht und befestigte Orte zerstört haben, gilt ihm als ein Schandfleck der Geschichte, aber — daß die mongolischen Scharen Tschingiskans, Tartaren genannt, in gleicher Zeit die volkreichsten Städte samt allen Schätzen der Wissenschaft vom Indus bis an die Grenzen der westlichen Kultur in Flammen aufgehen ließen, viele Hunderttausende schon besiegter Menschen in sinnloser Weise mit entsetzlicher Grausamkeit hinschlachteten, entlockt dem Verfasser von „Jarmiloj pasas“ die milden Worte: „ne barbaraj hordoj sencele trabruis la landojn; sed grandega personeco, Temuĝin (-Tschingiskan) fere organizis la entreprenon.

. . . . . Liaj kruelaĵoj estis lautempaj kaj neniam transpaŝis la necesan.!“

Die Kapitel über Humanismus, Renaissance, Reformation bieten vielfach ein Durcheinander von Lob und Tadel derselben historischen Persönlichkeiten, eine etwas konfuse Gelehrtheit, die einem die Ansicht aufdrängt, der V. will in gerechter Weise alle Anschauungen, die er beim Studium einander widersprechender Werke aufgenommen hat, zu Worte kommen lassen — nur eines gelingt ihm nicht: Der Tatsache, daß ein Katholizismus existiert hat und noch existiert, ruhig ins Auge zu schauen.

Ein Historiker darf aber nicht hassen, er soll nicht einmal Partei nehmen, weil er sonst, mehr oder weniger bewußt, das Weltbild entstellt.

Trotz des Höhenfluges über die Jahrtausende der Geschichte, scheint mir der V. erst im Anhange (Kronologiaj Tabeloj) wahrhafte Universalgeschichte dargestellt zu haben.

Auch den II. Band schmücken 3 Kunst-Reproduktionen: Tschingiskan, Napoleon und Lenin.

Sprachlich ist „Jarmiloj pasas“ ein Meisterwerk*. — ie —

## Kondolencon

al s-ro ĉefredaktoro de Oomoto Internacia, **K. Niŝimura** en Paris okaze de la morto de lia fratino.

IEMW, Steiner.

* Es wäre auch wünschenswert, daß die historisch-geographischen Eigennamen, soweit sie in „Jarmiloj pasas“ vorkommen, in derselben Form einheitliche Anwendung finden möchten.

## Protesto de aŭstriano kontraŭ Haefker.

Laŭ ordono de la konscienco rifuze kritikinte la unuan volumon de la verko „Jarmiloj pasas“ de Hermann Haefker, kiun mi faris kiel katoliko en „Espero Katolika“, kaj dum la legado en la dua volumo ekĝojinte pri la ŝajna manko de similaj riproĉindaĵoj. kiaj estas en la unua, mi bedaŭras kiel aŭstriano, senti la devon ankaŭ protesti kontraŭ nepruvitaj kaj ne pruveblaj asertoj de l' aŭtoro en ĉi tiu verkparto.

Sciu, sur la paĝo 440, linioj 10—12 estas skribita jeno: „Per la morto de la imperiestro Francisko Jozefo, **kies posteulo Karlo simpatiis al la entento, la helpo de Aŭstrio,** malbonhumorigita eĉ sen tio, **fariĝis duba.**“

Tia sensencaĵo devas indigniĝi, ĉar **ne estas vere** kaj por objektivaj, vere senmanke kleraj homoj jam por ĉiam **refutite, ke**

1. imperiestro Karlo simpatiis kun la dummilitaj kontraŭulaj ŝtatoj sed nur dankinde klopodadis, kiel eble plej baldaŭ finigi la terurajn buĉadon kaj detruadon, kiuj sentiĝis al ĉiuj partoprenintaj popoloj;

2. pro tia laŭhoma kaj homama sintenado de imperiestro Karlo, pro siaj ecoj preskaŭ por ĉiuj niaj patriotoj kaj homaranoj karmemora, **ne „dubiĝis“** la helpo de Aŭstrio, - strange, ke prusoj entute akceptis helpon!;

3. nia helpo „dubiĝis“ ĝis nia propra frakasiĝo antaŭvidita nur pro senekzempla fideleco de niaj regnestro kaj regno al la samsortana federito, fideleco, kiun neaŭstriaj germanoj pro sia estinteco — militoj kontraŭ la turkoj en la 16. kaj 17. jc. militoj de reĝo Frederiko II. „la Granda“ kontraŭ la **germana** imperiestrino Maria Theresia pro Silezio, militoj de Ludoviko XIV. de Francujo kontraŭ la germana imperio, epoko Napoleona **k. m. a.** — multope ne komprenas kaj kompreni ne volas lerni.

Fine kiel esperantisto mi ankaŭ plej profunde priplendas, ke esp.-ista libro tiel senpripense, ja eĉ kulpe — nescio ne senkulpigas kaj miajn konstatojn povas fari ĉiu sancerbulo kaj rektkorulo — kuraĝas ofendi homojn, kies ekzisto estas certa kaj tiurilata praveco ne estas kontestebla.

Kompreneble mia akuzo direktiĝas ankaŭ kontraŭ la eldoninto, kiu ankaŭ kulpas pri eldono de ne tute objektiva, vere scienca verko en Esperanto. Verkisto kaj eldonisto estontatempe bone agos, entrepreni tian laboron **post verema** kaj zorga studado de la fontoj. Kaj se ili estas esp.-istoj, ili havas duoblan devon, **eviti fuŝadon.**

Ried i. I. Dr. Adolf Halbedl, advokato

**Rio de Janeiro:** Brazila Klubo Esperanto festis sian 25-jaran ekziston. Postan gratulon!

## Silentado.

De Franz Grillparzer.

Estante junulo
Mi emis plendadi
Ĉiun kordoloron
Al multaj rakontadi.

Nun, kiam mi pli aĝa,
Silentas mi pri dolor'
Kaj restigas ĉagrenon
Profunde en mia kor'.

Ĉar mi ĝin spertis:
Malvarma estas la homar'
Kaj nur per kompato
Mildiĝas la turmentar'.

Kiel vi aŭdas
Malgrandan birdeton,
Flutantan printempe
Sian amkanteton.

Sed post la belaj tagoj
De l' kovaĵo kaj rozo,
Mallaŭte nur en branĉoj
Ĝi kuŝas dum ripozo:

Tiel mia muzo,
Tiel koro mia,
Estis ja nur sopiro
Kaj doloro kant' ilia.

E.-igis D-ro Senio Weingast.

---

**Centra Presejo Esperantista**
**Victor Polgar**
Majstro-Presisto
33, Rue Lacépède, Paris (5e)

jam de 27 jaroj fidele laboras sub la aŭspicioj de sia neforgesebla iniciatinto prof. Th. Cart . . .

. . . kaj daŭre laboras por Zamenhofa Esperanto.

Pli ol 30 E.-gazetojn ĝi vivigis.

Preskaŭ ĉiujn de niaj eminentaj aŭtoroj ĝi konigis.

Grandaron de la ĉefaj verkoj ĝi realigis.

La esperantistaro ŝuldas dankon al la entrepreno, kiun ni ĉi tie nome de Internacia Esp.-Muzeo esprimas.

Steiner, prez. de IEMW.

---



### Ŝercangulo.

## Memregado.

S-ro Braun legas la gazeton kaj volas fumi. La lada tabakskatolo kuŝas antaŭ li sur la tablo. Li volas plenigi sian pipon sed rimarkas, ke ĝi estas malaperinta.

„Kie povas esti mia pipo“, diras la anglo al si mem kaj rigardas sub la tablon. La pipo ne estas tie kaj ankaŭ ne troviĝas en unu el liaj poŝoj. Li serĉas sub la sofo kaj sur la kamenbreto.

„Verŝajne mi lasis ĝin en la klubejo“. Li enpaŝas sian aŭtomobilon kaj veturas al la klubejo. Sur la tabletoj en la angulo, kie li estas sidinta, li trovas sian okulvitrujon, sed sian pipon li ne trovas.

„Eble ĝi kuŝas sur mia pupitro“, kaj li veturas aŭtomobile al sia oficejo. Sur la pupitro li trovas sian paperujon, kiun tagmeze li estas forgesinta. Sed la pipo ne estas tie.

S-ro Braun koleriĝas kaj eniras cigarbutikon.

„Ĉu vi havas tabakpipon por mi?“

„Kian modelon“, demandas la butikisto ĝentile, „ĉu ian, kian vi havas en la buŝo?“

La anglo: „. . . Jes.“

(La Dortrechta Esperantisto)

### Gravaĵoj.

**Radio-Wien** disaŭdigos de nun regule siajn propagandparoladojn por Aŭstrio (parolanto Walter Smital) ĉiun ĵaŭdon 16 h 45.

**Grava germana leksikono enkondukas Esperanton.**

La eminenta eldonejo „Verlag für Kulturforschung“ Wien—Berlin—Leipzig, presigas nun en sia 3. volumo de ampleksa praktika enciklopedio „Leksikono de l' vivo“ detalan kurson de Esperanto. La kurso ampleksas 24 grandformatajn, dukolore presatajn paĝojn kaj estas riĉe ilustrita. La redakton prizorgis d-ro Emil Pfeffer-Wien, kies libroj en Tagblatt-Bibliothek (Wien) estas multe konataj.

**Intern. Biokosma Asocio-Lyon.**

**„Sperto de Konduto“** de J. Krishnamurti, trad. de Petro Stojan, LK. 24 p. teksto kun bela aŭtorportreto. Prezo fr.fr. 3.30 afr. Mendu ĉe A. Marion, 52 rue Boileau, Lyon.

**Novaj ŝlosiloj** laŭ normoj de ICK:
Estona, eld. E.-Asocio de Estonio, P. K. 6, Tallinn, Estonio;
Japana, eld. Japana E.-Instituto, Uŝigomeku, Ŝin Ogaŭamaĉi III-15, Tokio.
Prezo po o. 15, resp. o. 10 sv. fr.; ankaŭ haveblaj pere de UEA. (Cirk. 82 de ICK)

**Eldona Societo Esperanto, Stockholm,** jarkunvenis la 25. majo kaj decidis dividendon de 6 %. La eksiĝantaj estraranoj H. Halldor kaj A. Larson ĉiuvoĉe estis reelektataj.

**Bialystok**, gvidfolio, eld. sub aŭspicioj de Bialystoka Magistrato kaj de Turisma Servo de UEA, 1931, kun 8 p. kun la bildoj de Zamenhof-naskiĝdomo kaj Placo de Kosciusko. Prilaboris J. Ŝapiro, prez. de Monumento-Komitato. Senpage ĉe Bialystoka Magistrato.

Praha. La magistrato intencas propagandi pli intense por vizito de la urbo kaj eldonos diverslingvajn propagandilojn. Helpu al nia afero per tuja mendo de Esperanto-propagandiloj skribante en Esperanto al „Magistrato de ĉefurbo Praha, Ĉeĥoslovakujo".

**Kongresa libreto** de II. int. Postkongreso Esp.-ista, Bialystok, 12 p., 1931, kun bildoj de vojevodo Zyndram-Koscialkowski, de la kongres-komitato kaj de estonta Zamenhof-monumento.

**Nova gazeto:** Juna Samideano, monata, Krakow. ul. Lelewela 9, M. 2., aperis la unuan fojon dum XXIII. Jarabono sv. fr. 2.—. Aperas pole kaj E.-lingve.

**Gesellschaft zur Förderung der Blochmann'schen Kalender-Reform**, Kiel, menciis en sia agadraporto pri 1930, ke pro multaj ricevitaj korespondaĵoj en E. ĝi nun klopodas enkonduki E.-on por korespondado. Skribu al ĝi pro alsendo de interesa Esp.-varbkarto, verkita de ĉefinstruisto Klemm en Chemnitz.

**Barometro kun skalo E.-lingva.**

S-ano Haas en Villingen. Schwarzwald, Mönchweilerstr. 7, Germanujo, instigis sian firmon (metalbarometrofabriko) enkonduki ankaŭ skalojn en Esp. — Laŭ al ni sendita foto la barometro bele aspektas. Prezo Rm. 9.- plus afranko. Ĉe neplaĉo oni rajtas resendi ĝin. Mendoj al supra adreso.

---

**„La Mortado"** (Das Sterben), eine von Prof. Nothnagel gehaltene hochinteressante Rede, hat unser s-ano Selzer in Wien, aus dem Deutschen in ein ausgezeichnetes Esperanto übertragen, in Buchform erscheinen lassen. Das Buch ist in den Zeitungen sehr schön besprochen worden. Siehe AE Nr. 10 aus 1930. Durch uns beziehbar zum Preise von S 1.70 (in Briefmarken).

---

Unsere verehrten Leser werden gebeten, uns mit einfacher Karte von allen unsere Bewegung betreffenden Ereignissen in ihrem Orte und Umgebung Mitteilung zu machen. Wir berichten gerne hierüber. Sie nützen damit unserer Bewegung.

---

**Ĉambron aŭ ĉambreton** (nur senciman) dum Ĉe-kurso serĉas geedzoj Kaiper en Gloggnitz; eventuale rekompense disponigas ĉambron en Gloggnitz en somero.

## Aŭstria Esperanto-Asocio
Linz, Weissenwolfstr. 31

**Relegu „Grava alvoko" sur paĝo 95**

**Prokrasto de prelegvojaĝo Scherer.**

Pro diversaj kialoj ŝanĝiĝas la datoj. S-ro Scherer parolas dum novembro la 24. en Krems, 25. Linz (Kaufm. Verein), 26. Steyr, 27., 28. kaj 29. Wien. La datoj de la aliaj lokoj aperos en novembra n-ro de AE.

**Jarkunveno de AEA en Salzburg.**
(Pro manko de spaco la raporto povas aperi nur nun!)

La 28. VI. prez. dir. K. Wannek malfermis je la 10 h la jarkunvenon. Ĉeestis delegitoj de la grupoj Graz, Linz, Salzburg kaj de Wien (Danubio, Unuiĝo) krome reprezentantoj de la grupoj Krems kaj Wien (Ofichavant j. Katolika Unuiĝo Fideleco, Supren, Bohema Klubo kaj Akademia Klubo).

La prez. raportas pri la farita laboro, la klopodoj, unuigi la aŭstrian movadon, preparo de Scherer-paroladoj en Aŭstrio kaj Ĉe-kursoj, dankis al ĉiuj kunhelpintoj kaj esprimis la deziron, ke la ankoraŭ flanke starantaj malmultaj kluboj aliĝu. Li plendis, ke estas nur malmultaj sindonaj, celkonscie laborantaj kunagantoj.

La revizoroj Stegmüller kaj Rogler kontrolis la kasraporton, laŭdis la precizan laboron de kasistino s-ino Eberhard kaj proponis aprobon. Unuanime akceptita.

La proponoj ne estas ĝustatempe prezentitaj al la estraro, sed oni decidis, ilin tamen pritrakti. Ĉech-Danubio esprimas plenan fidon al la estraro. Kelkaj Wien-aj grupoj petis malaltigitan kotizon. La prez. atentigas, ke la provincaj grupoj pagas la plenan kotizon, ekz. Graz por 45 membroj kaj vidas en malaltigo por Wien maljustaĵon kontraŭ la provinco, sed rekomendas tamen por la nuna jaro la malaltigon por la petintaj grupoj. Ĉech pledas por ĝenerala malaltigo de la kotizo. Rogler-Graz kontraŭparolas, ĉar alie AEA ne plu ricevos la necesajn monrimedojn por sukcesiga laboro. Hovorka-Unuiĝo subtenas proponon Hovorka kaj mencias eldiron de d-ro Zamenhof: „Estas egale, kiom da membroj havas unuiĝo, sed ne egale, kiom da fortoj estos alportataj al la movado". Decido: La kotizo restos S 1.- po persono.

1. Propono „Danubio" kaj Innsbruck pri ĝustigo de la E.-traduko de Oesterr. E.-Bund en AE-Ligo, Unio aŭ Federacio. La prez. petas la deleg. de Danubio repreni la proponon, ĉar neceseco ne ekzistas, kvankam li tute komprenas la motivojn de la proponintoj. Li plue mencias la sub prezido de dir. Kreuz de ICK atingitan akordon kaj ke ĉiuj tiam ĉeestintoj per sia subskribo

konsentis la nomon AEA. Rogler aludas, ke ankaŭ Deutscher E.-Bund uzas „Asocio“ kaj ke tiu je la nomigo de AEA estis la modelo. Voĉdonado: Por ŝanĝo de la nomo: Danubio, Bohema Klubo, Linz, Innsbruck (48 voĉoj); kontraŭ: Ried, Salzburg, Unuiĝo, Oficĥavantoj, Kat. Unuiĝo-Wien, Krems, (183 voĉoj).

2. propono. AEA dum laborperiodo 1931-1932 sin okupu unuavice kaj per ĉiuj fortoj pri la reaktivigo kaj pligrandigo de la esp-istaro. Akceptata.

3. propono. Starigo de teritoriaj organizoj. Prokrastita, ĉar nun ne ankoraŭ necesa.

4. propono. Reprezentanto en Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj estu aktiva funkciulo de AEA, ĉar estas necese; ke la reprezentanto en KR estu en konstanta kontakto kun la aŭstria s-anaro kaj ĝia organizo kaj ke li estu ĉiam plej detale informita pri la stato de la tutlanda E-movado. Akceptita (kontraŭ Katolika Unniĝo).

5. propono. AEA. elektu en ĉiu loko, kie troviĝas esp.-istoj, s-anon kiel korespondanton kaj peranton inter la lokaj esp.-istoj kaj la teritoria kaj landa E-organizoj. Ili klopodu fondi aŭ reaktivigi lokajn grupojn, ev. ekfunkciigi lokan E.-movadon. Akceptita per ĉiuj voĉoj esc. Kat. Unuiĝo, kiu sin detenis. — Ĉech deklaras por si mem kaj d-ro Pfeffer ilian pretecon je aktiva kunlaboro en ĉi tiu kaj gazetara fakoj.

6. Propono farita de Danubio kaj akceptita kun kelkaj de Kat. Unuiĝo proponitaj ŝanĝoj: „La s-anoj kaj grupoj nepre disciplíniĝu kaj ne faru iajn agojn ekster la societa aŭ faka laboro, loka aŭ faka funkciado sen scio kaj konsento de la terit. organizo resp. AEA“

7. Proponon la estraro akceptas kiel sugeston kaj ĝin utiligos laŭ ebleco.

Novelektoj ne necesas, ĉar prez. Wannek deklaris sian pretecon daŭrigi la laboron malgraŭ la sentebla manko de la ne plu en Linz loĝanta afergvidanto Ulbrich.

Raportoj: Hovorka pri kursoj en Wien, preparoj por Ĉe-Kursoj, Centra Adresaro; Rogler pri klopodoj gajni la instruistaron kaj Ĉech pri raportoj en gazetoj.

Kiel lokon por la venontjara jarkunveno Ĉech proponas Innsbruck antaŭ la XXIV-a en Paris, por ebligi al la tien veturantoj la partoprenon, aŭ je Pentekosto en Wien. Akceptita. La estraro decidu ĝustatempe.

Kun vortoj de danko al la Salzburg-anoj kaj la venintaj delegitoj prez. Wannek fermas la kunsidon je la 13 h.

Por AEA: Wannek, prez.

## Sós-memorsoleno.

Wien-aj E.-societoj komune aranĝis la 25. sept. solenan por honori la memoron de nia meritplena pioniro d-ro Edmund Sós.

Prez. Hovorka donacis al Unuiĝo grandan bildon de ĝia Honor-Prezidanto, kaj reg. kons. Steiner ornamis ĝin per la Bulonja Zamenhof-standardo.

Estis prezeniataj originalaj poemoj de ka pri d-ro Sós, E.-tradukoj, humoraĵoj kaj eldiroj. — La aranpon ĉeestis la vidvino de d-ro Sós kaj multnombraj ges-anoj, inter ili f-ino Mabel Kingston (Anglujo) kaj prof. d-ro Tokunosue Itoo (Japanujo). La sukceson de la aranĝo aktive kunhelpis gesanoj Minuŝka Mantel, Emma Raff, mag. Taussig, Hedwig Kaes, Luise Ziwutschka, Raimund Ĉech, Moritz Lackenbacher, Berta Subert J. Sekely, F. Menacher, E. Werner, J. Kremser, Lisl Haas, N. Hovorka, O. Zimmermann, (festparolado), d-ro Pfeffer (la organizaj ideoj de s-ro Sós).

## Sós-kapitalo.

Laborkomitato de Vienaj E.-societoj kun granda sukceso kolektas garantian kapitalon por la aranĝo de Ĉe-metodaj kursoj, okazontaj komence de la nova jaro kaj decidis, nomi ĝin „Sós-kapitalo“-n. Tiu ĉi Sós-kapitalo, zorge administrata, daŭre helpu la aranĝon de bonaj kursoj kaj la ĝeneralan propagandon de E. en Wien kaj Aŭstrio.

**Wien: Laborkomitatato de Vienaj E.-asocioj** daŭrigas la preparlaborojn por Scherer-paroladoj kaj Ĉe-kursoj. S-ano O. Zimmermann transprenis la taskon de unua vicprezidanto. Tre ĝojige estus, se ankaŭ aliaj malnovaj nuntempe neaktivaj s-anoj revenus al kunlaboro.

**Wien. E.-Soc. „Danubio“** festos sian 20-jaran ekziston meze de novembro. Detaloj sciigotaj. Ni elkore gratulas.

Wien-aj filmteatroj **„Iris-Kino“** kaj **„Leibnitz-Kino“** regule projekcias antaŭ filmreprezentado propagandan bildon, montrante la belan afiŝon de „Heroldo“ kun la tesko „Die Welthilfssprache Esperanto, die Losung der Zukunft“ (La mondhelplingvo E., la devizo por la estonto.). Laborkomitato de Vienaj E.-societoj klopodas simile sukcesi ankaŭ ĉe aliaj filmteatroj, por helpi la venontajn Ĉe-metodajn kursojn.

## Akademiaj kursoj

estos aranĝataj de „Unuiĝo“ „Oficĥavantoj“ kaj „Danubio“ sub la aŭspicioj de „Laborkomitato de Vienaj E.-societoj“ en la E.-hejmo, Wien, IV. Schäfferg. 3, ĉiun merkredon precize je la 19 h 30, por pliprofundigi la E.-sciojn de niaj ges-anoj. Poste amika kunestado kun libera konversacio. — La vesperoj estas senpage alireblaj; gastoj bonvenaj!

Gvidantoj: D-ro E. Pfeffer kaj Ernst Werner, kaj — laŭ speciala invito — aliaj instruistoj kaj gvidantoj de la E.-Movado.

Komenca programo: 14. X. Werner, „Enkonduko.“ „La Fundamento“ de E.; 21. X. D-ro Pfeffer „La strukturo de la lingvo E.“; 28. X. Werner „Tra la gramatiko de E.“; 4. XI. D-ro Pfeffer „La plej gravaj verkoj de la E.-literaturo“; 11. XI. Werner „Specialaj gramatikaĵoj laŭ deziro de la partoprenantoj“.

Dezirojn pri lingvaj demandoj prezentu en konciza formo sur slipoj en la kursĉambro.

**Kondolencon** al f-ino Anna Tomaschek, kiu perdis sian patron la 13. sept.

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO

Graz, VI., Schönaugasse 6.

**(15) Hauptversammlung des Vereines.** Im Sinne der §§ 20—26 der Satzungen wird die 26. ordentliche Hauptversammlung des Vereines für Freitag, den 27. November 1931, nach Graz einberufen. Ort: Heim der OG Graz, I. Bürgergasse 4, ebenerdig rechts. Beginn 8 h abends. Satzungsgemäße Tagesordnung.

Graz, 4. Oktober 1931. Die Vereinsleitung.

**(16) OG Graz-Vollversammlung.** Die 13. ordentliche Vollversammlung der Ortsgruppe Graz findet Freitag, den 6. Nov. 1931 im Vereinsheim statt. Beginn: 8 h abends. Satzungsgemäße Tagesordnung. — Anträge wollen bis 2. November 1931 bei der Geschäftsstelle Schönaugasse 6, II. Stock (Bartel) schriftlich eingebracht werden.

Graz, 5. Oktober 1931. Die Ortsgruppenleitung.

## Rimarkindaj presaĵoj

**Tagblatt-Bibliothek, Wien.**

**Wörterbuch Deutsch-Esperanto** de d-ro Emil Pfeffer aperis en la 3-a eldono, enhavas pli ol 20.000 germanajn vortojn kaj 30.000 Esperantajn tradukojn el la ordinara vivo kaj diversaj sciencoj sur 180 dense, trikolone presitaj paĝoj. Prezo S 2.—

Ke ĉi tiu vortaro per sia zorge elektita, abunda vortmaterialo bonege servas al Esperanto evidentiĝas jam el tio, ke la unuaj 10.000 ekzempleroj elvendiĝis. St.

**Belga E.-Instituto, Antwerpen.**

**Inleiding tot Esperanto.** Door M. Rollet de l'Isle. Verstaald door Maur. Jaumotte. 83 p., bros. 1 Blego, 1931.

Jaumotte per flandra traduko de la broŝuro „Enkonduko en Esperanto“ de Rollet de l' Isle pri Esperanto, ĝiaj historio, institucioj, movado, propagando kaj la vivo de Zamenhof faris bonan propagandilon inter siaj samnacianoj. Tiaj nacilingvaj tradukoj certe multe dovas helpi nian propandon.

Ĵus aperis **dua eldono** de „Kataluna Antologio“. Preso 10 pesetoj kun 20% afranko. Havebla pere de ni.

**Heroldo de Esperanto-Köln.**

**La lingvo de la bestoj** de Florence Barker, 24 pĝ., 1931.

La teksto de ĉi tiu prelego estas verkita en preskaŭ senerara Esperanto. Pli grava malĝustaĵo estas nur la akuzativo ĉe la prepozicio kontraŭ. „Provo al la libereco“ ŝajnas al mi iom nekutima esprimo, „stratoj kun densa irado“ eble ne internacie komprenebla. La tendencon mi tute aprobas, sed volas aldoni, ke en ĉiuj kazoj, kiam temus pri savo de besto per pereo de pli valora homo (krimulojn mi ne konsiderus tiaj) mi ne opinius justa la savon de tiu besto.

D-ro fil. W. Biehler.

**Esperantitta Voĉo — Jaslo, Polujo.**

**5,000.000** de S. Grenkamp-Kornfeld;

La devizo de la aŭtoro estas „la par ĉiu“. Li ĝojigas nin jen per lirikaj prozaĵoj (Buŝo, okuloj kaj koro, Aŭtuno), jen per rakontoj pri amo (La Amo, La Venĝo, ĵaluzo), jen per aforismoj (Senŝeligitaj pensoj) aŭ groteskaĵoj (La du boksistoj. En Papagonio), eĉ enigmo poemo (Al . . .) kaj „ĝisfina“ enigmo (Kaj ĝi postsekvis min) ne mankas. Lia precipa amuzo estas sekvigi vorton per alia rimanta (41 lace-pace, 45 laŭde-aplaŭde) aŭ krei rimantan aforismon (14 Tio, kio estas en ordo, ne troviĝas ĝenerale sur tagordo; 47 per amo flamanta al sako sonanta; la dua citato eĉ meritas famiĝi.). Iomete da incitemo kontraŭ la Esperantistoj, „miaj amikoj“ (laŭ la vortoj de Grenkamp) ne malutilas, krom eble komence de pĝ. 80.

Laŭ lingva vidpunkto mi iom pridubas la internacian kompreneblecon de nub-skrapulo (18), hejmi=hausen (29), forsuferi=verschmerzen (30), elvortumi=ausdeutschen (43), lia am (atin) i (45), miela monato (50), mia duono=meine (bessere) Hälfte (77), ankaŭ de la bildo „venĝo rodas en la animo“ (65). „Aliel“ estas ja eble laŭfundamenta, sed cetere ne uzata formo, „devigi“ (75) laŭ mia opinio troigo. Kelkfoje la aŭtoro tro evitas la uzon de sufiksoj (honte 12, rezista 22, senvesti 83, malarmi 90). Anstataŭ plej multe (27) mi preferus „maksimume“, anstataŭ konscienco riproĉo (35) rimordo, anst. lekcio (82) lekciono. Bona traduko por „vis-a-vis (la persono) estas vid'-a-vid' (100). Per „primieli“ (87) la aŭtoro tradukas „versüßen“ kaj ne eble „verhverhonigeln„

Entute la verko certe plaĉos.

D-ro fil. Wolfg. Biehler.

**LaboristaEsperantistaSoc. ‚Laboro-Praca‘.**

**Pelny Podstawowy Slownik Jezyka Miedzynarodowego Esperanto** (Plena Fundamenta Vortaro de Lingvo Internacia Esperanto) prilaboris Jan Zawada. Prezo S. 2.—. Sur 99 paĝoj Zawada donis al poloj E.-polan vortaron kun gramatiko, tabeloj de prefiskoj kaj sufiksoj, pronomoj kaj adverboj, akcento, bibliografio ktp. Por poloj tre valora libro, kiun ĉiu posedu!

**Laborista E.-Asocio-Berlin.**

**LEA-Kantaro**, kolekto de proletaj, batalaj, liberpensulaj kaj popolaj kantoj; tria reviziita eld., 78 pĝ., Rm —.40, 1931.

Se oni volas traduki aŭ originale verki versaĵojn, oni almenaŭ scipovu la regulojn de versfarado kaj la gramatikon de nia lingvo! Mi nur mencias la plej gravajn erarojn. Precipe la akuzativon je la versfino la tradukintoj oftege **ne** atentas (komp. pĝ. 14, 16, 27 f. 72), same ili intermiksas „por ke" kun imperativo kaj „por" kun infinitivo (20, 24, 38). Kelkajn esprimojn (17 mondorado, 28 ĝemero) ani eĉ ne komprenas. La ritmo de la poeziaĵoj kutime estas belsona (ne ĉiam, komp. pĝ. 15 „sonas pri venĝ' horloĝbat'"), la „rekantaĵo", kiun la tekstoj tiom ofte montras, pruvas, ke ili apartenas al la politika kaj radikala poezio. Pli modernan stilon mi rimarkis en Vaŝavjanka; laŭ historia vidpunkto interesas la kanto el la milito de 1625. La tendencon de la tuta verko mi eble plej bone esprimus per la vortoj de Hagen (ĉe Geibel) „Mensoga estas amo kaj vera nur malam'!" Sed laŭ mia opinio ne la spirito de Hagen, sed tiu de nova Siegfried sanigas la mondon.

D-ro fil. Wolfgang Biehler.

**Svenska Esperanto-Förbundet, Stockholm.**

**Jubileums-Matrikel** (Jubilea matrikulo) 1931, 130 p.

Okaze de 25 jara ekzisto de Sveda Esperanto-Asocio ĝi eldonis belan, vere legindan verkon, kiu enhavas tre interesajn datojn pri la historio de E. en Svedujo, „unu el la landoj, kie la **forta voko** de d-ro Esperanto plej frue redonis eĥon kaj kie lia **nova sento** trovis daŭran resonadon". La libro enkondukas nin en la historion de la sveda E.-movado, montrante bonajn bildojn de svedaj pioniroj, kaj donas je la fino adresaron de la grupoj kaj membroj.

Ĉiu lando verku tian historion, kiu nepre estas necesa, unuavice por nia Int. E. Muzeo, kaj por propagandceloj. Sed ĉiu legu la svedan modelan verkon, li multe lernos el ĝi!

Steiner

**Mondlingvo-Eldonejo, Katowice.**

**„Pri la pronocado de Esperanto"** de Ludwig Krysta; 1931, 30 pĝ. prezo

„Zinjoroŭ, dum la fojaĉo al la konkreezoŭ min nee indereezas la teŭorijoŭ zet nur la braktikoŭ!" Ion similan ĉiu aŭdis jam. La aŭtoro serioze traktas — tute ne teorie — tiun gravan praktikflankan mizeron de l' E.-vivo. Li akcentas, tute prave, ke korekta aŭdado devus esti antaŭ ĉiu instruata. Laŭvice li traktas la prononcerarojn de anglo, franco, italo, polo. Kiel ne la germanajn? Proponoj por bonigo certe estas konsiderindaj. — Koncerne la formalan flankon ni nur insistu pri le ortografio de propraj nomoj (esperanto, londona, esperanta!), komenc (iĝ) os (15) kaj ilia (sia 28).

Smital

## Kie oni renkontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Fr (v) 20-23 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum", Museumstraße. Do (j) 20—22 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Mittwoch (me) 20—22 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gastejo Schwechater Bierhalle, Fr. (v.), 20—22h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Freyung 6 (Schottenpfarrkanzlei) Mi (me) 18—20 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I. Schubertring (kafejo Kolowrat) Fr. (v.) 19.30 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3. ĉiutage 17—19 h.

Vienna AkademiaUnuiĝo Esp. VIII., Langegasse 61 (Kafejo Lange), Mo (l) 19—23 h,

Esp.-societo „Fideleco", Café Zoglmann. XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16-19 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg, Bundesstr. 154. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.